MONATA INFORMILO - JARO I- Nro 05/86 - PORTO ALEGRE-RS CZ$ 2,00

# KONTAKTILO

MONATA INFORMILO DE
ESPERANTO SOCIETO DE PORTO ALEGRE

OKTOBRO 1986

## SALUTOJN!

Sendube, la printempo ekfloras ĉie.

Ankoraŭe sendube, ankaŭ en nia redaktejo ĝi elmontras siajn aromajn ungojn kiuj ĉarme kaj delikate leviĝadas el la naturo kaj el la personaj kontaktoj.

Sendube... vi mem jam konstatis - pere de via ebla propra ekzemplo - ke la printempo havas la specialan kapablon alravi la personojn ( ĉi tie mi aludas la normalajn personojn, ne ĉiujn kiuj portas seninteremite siajn vizaĝaĉojn ). La normaluloj ĝuas la natur-spektaklon, la malfermiĝon de rozburĝono, la junecon, la plenaĝecon kaj la maljunecon, la ĉeeston de amikaro. Jes, la normaluloj ĝuas la vivon kaj ĉion kio ilin ĉirkaŭas, kio ebligas al ili disradii simpation eĉ per la poroj.

Estas nia deziro - kaj espero kora- ke vi lasu la printempon kontaĝi vin per ĝia ĝojeco kaj kune ni sentu la plezuron de la lavenda atmosfero de nia vivo.

# PRI INFANA TAGO

Eble vi estas pensanta pri procedoj ĝojigi viajn infanojn en ilia tago, aŭ eble vi cerbumas pri donaco aŭ alloga promeno en parko; verdire estas diversaj manieroj uzeblaj por la kontentigo de viaj infanoj. Sed nur en la "komerca infana tago!" vi pensas pri ili?

Urĝe oni bezonas zorgi pri la edukeco de niaj filoj, ĉar ili estas la semoj kiuj kreskos kaj reciprokos al ni laŭ niaj instruoj.

La bazo por efika kreskado estas la amo, tamen tiu amo devas veni tiel ke la infanoj ne nur pensu pri avantaĝoj, sed por ke ili pensu jam pri siaj respondecoj. Oni ne povas postlasi, pro ilia malgrandeco, ilian edukecon dirante al ni mem ke poste ili pli bone komprenos la aferojn - kiel se komprenemeco rilatus al grandeco, al pli aĝeco. Se ni ĉiuj opinias ke edukeco ekas de la unuaj kontaktoj de la infano kun la mondo, atentu ni pri tiuj fruktoj kiuj nin anstataŭos en la socio.

Bedaŭrinde multnombraj infanoj baraktas solaj sur la stratoj, petante manĝaĵojn, vestaĵojn, malplenaj je kareso. Kion ili redonos al ni? Kiel oni esperas ke ili sin kondutu?

Oni eĉ ne povas ilin kondamni...

PRI INFANA...

Tial oni profitu la valoran tempon por instrui al niaj infanoj la bonon, por ke ili estu bonuloj kie ili estos. Ne forgesante ke ili estas la grajnoj kiuj ĝermu kaj kresku.

"De ni dependas ilian bonan aŭ malbonan agon morgaŭ."











SOLVU LA ENIGMON!

Ni proponas al vi la suban krucnumerludon kiu havas la jenan regulon: Uzu numerojn de unu ĝis naŭ por kompletigi la malplenajn kvadratetojn, sed rimarku ke vi devas adicii dekstren, maldekstren, supren kaj malsupren. Tuj post la solvo, sendu la respondon al nia sidejo. Al la unua letero alveninte - kun la ĝusta solvo - ni ofertos ĉemizon. Bonan ŝancon!



# E.S.S.M.A

Okaze de la unua datreveno de sia fondo, Esperanto Societo de Santa Maria-ESSMA- por tion celebri, okazigis Superintensivan kurson kiel unu el la programeroj.

La kurso daŭris tri tagojn kaj disvolviĝis, efektive, je 5 lecionoj de la 19a ĝis 21a de septembro. Multaj interesiĝis pri la kurso, laŭ deklaro de instruistino Zélia Coelho da Silva kiu apartenas al la ekipo de instruistoj de ESPA kaj Esperanto-Departemento de Spiritisma Societo Allan Kardec kaj sub kies gvidado plenumiĝis la kurso.

"Ja estis por mi agrabla surprizo en Sankta Maria alveni kaj scii ke la estraro de ESSMA havis problemon rilate la limigon de partoprenantoj, ĉar mi kaj ties estraro jam estis veninta en akordon pri la partoprenantoj, kies nombro ni fiksis je minimume 30 kaj maksimume 50, ekde la antaŭaj kursoj. Tamen ĉi foje la interesitoj estis plimultaj ol ni povus supozi kaj la organizintoj ne povis rifuzi la diversajn petojn pri aliĝo ĉar ne eblus plenumi la petojn pri dua klaso proponitajn. Do, unuafoje en mia vivo-kaj ne espereble la lasta- mi gvidis kurson al 80 personoj." - deklaras Zélia.

Ankoraŭ laŭ ŝia diro, la partoprenintoj estis lejmulte kaj fakultatanoj kaj lernantoj de dugradaj lernejoj.

"Esta interese reliefigi ke ESSMA aranĝis tian plensukcesan kurson dum 15 tagoj nur. Tio elmontras al ni la fekundan grundon kiu estas Santa Maria" -rimarkigas la instruistino.

Je la 19ª de septembro, vendrede, estis la malfermo ĉe aŭditorio de centra rektorejo de UFSM je la 7:30h vespere. La kurso disvolviĝis ĝis la 10h. Sabate estis du lecionoj, matene kaj vespere. Ankoraŭ matene okazis ĉe loka TV - Stacio Globo intervjuo kun la instruistino.

Dimanĉe ankaŭ estis du lecionoj kaj je la 6 horo vespere oni finis la kurson.

"La metodo uzata de mi dum tiuj kursoj superintensivaj ĉe UFSSM estas la Ĉe, kiu laŭ mia vidpunkto permesas al la lernantoj lerni Esperanton per Esperanto." - komentas Zélia.

-"Estas mirinde, la efikeco de tia metodo, ĉar jam de la unua duonhoro oni konstatas la interkomunikadon per lingvo kiu antaŭe estis entute nekonata de la aŭskultantoj."

Je kvardeko estis la kurshoraro, sed pro tio ke ĝi en la praktiko ne atingis tiun, la organizintoj petis dimanĉe matene ke ili skribu letereton al a-

miko esperante. " Mi konfesas ke ĉe la peto mi pensis ke ili ne aventuros tion fari. Sed mia vizaĝo planken falis kiam posttagmeze ili alvenis portante siajn unuajn leteretojn."

Dum la kurso, la gelernantoj ricevis foliaron sur kiu estis la muzikliteron de kelkaj kaj modernaj kaj popolaj kantoj kiuj ilin entuziasmigis. La disdonado de atestoj okazos je la 25 de oktobro, sabate, en la sidejo de ESSMA kio ebligos al la kursfinintoj koni ĝian sidejon.

Ni, la redaktantoj de KONTAKTILO esprimas pere de ĝi niajn plej bonajn dezirojn pri fruktodona kaj longdaŭra rikolto en la verda esperanta kampo al la esperantistoj de Sankta Maria: al la veteranoj kaj al la ĵusbakitaj; al la estraranoj ni kore deziras kaj esperas ke ili plialten tenu la standardon de l' espero kaj antaŭenpuŝu la movadon tie. Ni gratulas la sindonemajn: profesoro Victor F. Schuck, Antonio Centeno, Rosa de Lima, Delci Cipriani, Élia kaj Marion kaj Ignez Sofia Vargas kaj la aliajn kies nomojn ni ne memoras sed ties laboron kaj didiĉon ni ne plu forgesos.



# Kunvoko!

KIO? Generala kunveno por la balotado de la estraro kaj konsilantaro.

KIU? GEA - Gaŭĉa Esperanto Asocio

KIE? En la sidejo de ESPA

KIAM? Je la 25 de oktobro/86, je la 9 horo.

Ni dankas la akuratan ricevon de:

- LA LAMPIRO-Bulteno de E-o Asocio de São Paŭlo.
- Brazila Katoliko E-o Bulteno el BEKO - S.Paulo.
- INKO -Informilo de la Kooperativo - Rio de Ĵaneiro
- KLARIONO- Bulteno de Alagoana E-o Asocio -Alagoas
- VERDA STELO- Bulteno de ESSMA - Sankta Maria.
- KOMUNIKOJ -Spirita Eld.Soc.F.V.Lorenz- R.de Ĵaneiro
- Esperanto Notícias de S-ro Silva Velho - São Paŭlo


K O N T A K T I L O

ESPA-Informilo

OKT/'86



Korespond-adreso:

Rua dos Andradas,1137/ 1704. Tel.:(0512)253941

Centro

90.000 Porto Alegre/RS


M E M O R U !

Leteroj portantaj la respondon pri la enigmo proponita atingu nin pli malfrue je la 20/nov/'86.